# Aŭstraliaj  Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**PLENUMITA 14/12/2017 Tricent- kvindekdua eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj


Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

*reta-vortaro *Freelang Vortaro *Plena Ilustrita Vortaro * Esperanta Retradio *Google Translate * Pasintaj eldonoj *

Ctrl+klaku ligojn por kapabligi la malfermon. Kutime, sed ne ĉiam, la ligoj havas verdetan koloron

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au



Ekstudis pli ol **1,140,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo per la angla lingvo. (Ekde la 28a de Majo 2015) https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

Ankaŭ ekstudis pli ol **261,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde la 26a de Oktobro 2016)

**Ĝis nun 1,400,000 lernantoj ekstudis Esperanton per Duolingo**



# Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.".

## N.ro 6 ( La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay)




La plej simpla kaj la plej logika estas, trakti ĉiujn kvar voĉojn same, nome per sufiksoj. Tial, kun la helpo de Zamenhof, nome per lia Regulo pri Signiforedukto, mi sukcesis, bedaŭrinde post la morto de Kalocsay, realigi tion jene: Aktivo = sen sufikso, Medialo = la sufikso "-iĝi", Pasivo = la sufikso "-ati", kaj la faktitivo = la sufikso "-igi".

P.A.G., kaj ankaŭ Zamenhof, trovas la Aspektojn de la Verbo tre gravaj por Esperanto. Mi ne samopinias kaj same la verkistoj de lernolibroj evidente ne samopinias. Krome ĉe P.A.G. la diversaj Aspektoj ne traktatas sammaniere: por la komenco de ago oni uzas prefikson, "ek-", por la nefinita ago oni uzas la imperfektajn participojn "-anta" kaj "-ata", por la ripeto la prefikson "re-" aŭ la sufikson "-ada", kaj por la fina parto de la ago oni ne havas afikson kaj uzas la flankelementan "fin-" kiu devas esti la neekzistanta sufikso "-fini". Mi preferas tute ne mencii la Aspektojn kiel verbodividon kaj instrui ĉiun Aspekton per si mem, simple menciante la signifon de la afiksoj "ek- kaj –anta kaj –ata kaj re- kaj fin-". Kaj eble ke "finbatali" logike devas esti "batalfini" ĉar ne temas pri kompleta "batali" sed pri "fini ion". Kion vi pensas pri ĉi tioj? *Marcel Leereveld.*



*Novaĵoj pri la ekzisto kaj agoj de Esperanto-kluboj videblas nur se oni raportas al AE. Roger S*

**La celo estas krei kunligatan Esperanto-familion. Sendu memkaptitan foton *(selfie)***

**Fotoj bezonas nomojn. Artikoloj bezonas kapfoton. Aŭstralio estas granda lando.**

**La celo estas krei kunligatan Esperantan familion. Sendu memkaptitan foton *(selfie)***









BES kunvenos ĉe la biblioteko en Brizbano : 20.01.18

*Petro Danzer* BES Sekretario





# La Manlia Esperanto-Klubo



Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm.
Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagita kafo atendos vin.
La 16a de Decembro estos la tria sabato. Ni celebros du gravajn eventojn.
Ni celebros la 99an naskiĝtagon de Eunice Graham. **KAJ**
Ni celebros la Zamenhofan Tagon. Vizitantoj estas ĉiam bonvenaj *Roger S*



**Geedzoj** **Gejedzoj** **Gejedzinoj**







Mi tre ŝatas la pli simplajn kaj pli mallongajn vortojn "*gejedziĝo*" kaj "*gejedziniĝo*". Kvankam neologismoj, oni povus uzi ilin 'ĉiutage' kaj la pli formalajn "*samseksedziĝo*" kaj "*samseksedziniĝo*" kiam tiuj esprimoj pli taŭgas. *Vera Payne*





La ĉefa problemo por uzo de 'gej kaj lesb' estas ke oni polucias Esperanton per nenecesaj vortoj.

'Legu " El mia ĝardeneto" de Marcel sube





# El mia ĝardeneto

1). Mi legis en A.E. kelkajn pliajn proponetojn pri edzeco kaj edzineco, prenitajn el P.I.V., Kontakto, kaj aliaj. Tiuj fontoj ne ĉiam estas valoraj.

Unua rimarko mia: Ne saĝas uzi "Li edzinigas ŝin kaj ŝi edzigas lin", ĉar tiuj esprimoj kutime uzatas por alia persono, kiel pastro aŭ oficiala oficisto, kiuj geedzigas parojn. Normale li edziĝas al ŝi kaj ŝi edziniĝas al li. Nur se iu alia igas la geedzecon, aŭ se unu el la du havas la potencon edz(in)igi la alian al si, oni uzas "edz(in)igi. De tiu lasta kazo Zamenhof, kaj do P.I.V., donas kelkajn ekzemplojn.

La neneologismaj vortoj por gejoj kaj lesbinoj (= safismulinoj) estas "samseksa".

Malagrablas havi du malsamajn vortojn por la samseksaj viroj kaj virinoj, sed oni jam proponis "lesbana".

La vorto "paro" uzindas nur kombine kun "edz", ĉar "paro" uzatas en multaj sencoj, kaj mia ŝuparo koloras brune. Viro plus virino ne estas "edzparo", ili estas "geedzparo". Sed paro de edzoj, "edzparo", uzatas ankaŭ por du edzoj kun malsamaj edzinoj, do ne uzindas por duedzo(j), (saĝproponita de Bob Felby).

La ĉefa problemo por uzo de "gej" kaj "lesb" estas ke oni polucias Esperanton per nenecesaj vortoj.

Ĝis nun mi plu aplaŭdas la solvon de Bob, kiu cetere scias la gramatikon de Esperanto pli bone ol plej multaj Esperantologoj.

Pri "transgenaj" edzparoj min ne allogas la konsilo "Ni atendu realan uzon", ĉar plej ofte la unuaj uzantoj malĝustas kaj tial mi jam nun proponas diskuti la uzindajn vortojn. M. L.

2). La problemo de la naciecoj de politikistoj kaŭzatas parte pro tio ke kelkaj landoj, i.a. Francujo kaj Ĉinujo kaj Aŭstralio, permesas al siaj nacianoj havi du naciecojn. Tio laŭ mi estas stulta: oni povas esti naciano nur de unu lando, ĉar du landoj havas malsamajn leĝojn, kaj ili agas malsimile en internaciaj rilatoj. Inteligentaj ŝtatoj ne permesas tion. Kiam mi kun mia familio alprenis la aŭstralian naciecon, en 1957, la nederlanda registaro, post informo donita de la aŭstralia registaro, tuj forprenis nian nederlandan naciecon. Poste la infanoj (sed ne mi) rajtis renederlandaniĝi, sed nur se ili ĉesigis la aŭstralian naciecon.

La alia kaŭzo de la politikista problemo estas ke Australio estis oficiale brita kolonio (dum ĝi nun neoficiale estas usona kolonio, sed sen la rajtoj de la usonanoj). Mi opinias ke en ĉi tiaj kazoj la politikistoj havu la britan (kaj ne la aŭstralian) naciecon kaj tamen rajtu esti membro de la aŭstralia parlamento.

Marcel Leereveld.



# Grava Kategoriŝanĝo



Mi antaŭe klarigis, ke la lingvistoj pri eŭropaj lingvoj ne komprenas, kaj tial ne praktikas, la gravan necesan regulon pri nomoŝanĝo ĉe alikategoriado ankaŭ se temas pri participoj. Alternative ekzistas en iliaj lingvoj io pri funkciŝanĝo ĉe participoj kion ili ne scias nek komprenas. Tial ankaŭ la eŭropaj Esperantistoj ne komprenas ĉi tion kaj faras erarojn en sia lingvo. AŬ ili ne scias, ke en "He is singing" la vorto "singing" estas sentempa imperfekta participo, kaj ke en "The car will be removed to-morrow" la vorto "removed" estas sentempa pasiva participo, AŬ ili ne scias ke se la perfektotempa "removed" en "I have removed" estas anstataŭe uzata kiel sentempa participo pasiva en ekz. "The car will be removed" la nomo de tiu sentempa participo "removed" devas ŝanĝati al "Pasiva Participo (sentempa)". Al ĉi lastaj mi atentigas, ke tiaj nomŝanĝoj normale okazas en la gramatikoj de la etnaj lingvoj. Jen kelkaj ekzemploj de tiaj nomŝanĝoj:

1). La angla vorto "work", origine verbo, nomiĝas substantivo en "The work", do ĉe kategoriŝanĝo.

2). La germana "ein" kaj la franca "un" nomiĝas numeraloj, sed en "Ich fand ein Buch fu"r dich", "Je t'ai trouve' un livre", ĝi nomiĝas nedifina artikolo.

3). En la angla kelkaj malnovaj gerundioj pro sia nova funkcio nomiĝas nun substantivoj, kiaj "morning" kaj "evening".

4). En la germana "Fleisch essen" la vorto "essen" nomiĝas verbo, dum en "Das Essen von Fleisch" ĝi nomiĝas substantivo.

5). En la angla "one" estas kelkfoje numeralo, kiel en "They have only one child", kaj kelkfoje persona pronomo, kiel en "One should not steal".

6). En la franca "Je mangerai" nun nomiĝas futuro, dum origine ĝi estis prezenco en "J'ai a' manger".

7). En la angla "The dead have been buried" la vorto "dead" ne plu estas adjektivo, sed substantivo.

8). En la angla "I have long been travelling" la normala adjektivo "long" nun nomiĝas adverbo.

9). En la germana kaj la nederlanda la samaj vortoj estas, kaj nomiĝas, AŬ adjektivoj AŬ adverboj.

10). En la angla multaj vortoj havas la saman formon kun du aŭ tri kategoriaj funkcioj kaj do havas du aŭ tri malsamajn nomojn.

Kiam en tiaj lingvoj funkcias pasiva participo, kiu ja ne indikas tempon (kion faras la helpverbo), ekz. en "The letter will be sent to-morrow", estas necesa nomi ĝin "Pasiva Participo", ĉar ĝi ne estas Perfekta Participo kiel en "We have sent the letter". En "will be sent" la kombino "will be" indikas la tempon, kaj la vorto "sent" indikas la pasivon (kaj la agon). Same kiel en "We will send" la vorto "send" indikas ne la tempon sed la aktivan agon, kaj do ne nomiĝas Prezenca Participo nek Prezenca Infinitivo. Do ĉi tie "send" estas Aktiva Infinitivo kaj "sent" estas Pasiva Participo kaj "be sent" estas Pasiva Infinitivo.

Ĉar la Esperantologoj malĝuste pensas ke en siaj eŭropaj lingvoj ili uzas du pasintajn tempojn en "The letters were received in time", ili en Esperanto tre malĝuste uzas du pasintajn tempojn "La leteroj estis ricevitaj bontempe" (por "La leteroj ricevatis bontempe"), kiu kombinaĵo "-is + -ita" estas la pluskvamperfekto (= en la angla "Had been received in time"). En Esperanto: "Ĉu la leteroj estis ricevataj je la dua horo, do tro malfrue? Ne, ili je la dua horo jam estis ricevitaj unu horon pli frue". Siatempe la Esperantologoj ankoraŭ ne sciis, kaj multaj plu ne scias, ke en la eŭropaj lingvoj la Perfekto ekuzatis por la simpla Pasinta Tempo (la Preterito).

*Marcel Leereveld*.





# Semajna raporto de Melburno



**DIMANĈA KUNVENO**

Dimanĉon la 10an de Decembro ses homoj kunvenis ĉe ACMI Cafe & Bar. Ni babilis, kaj legis iom de la *Monato* revuoj kiujn Sandor kunportis.

**LUNDA KUNVENO**

Lundon la 11an de Decembro ok homoj venis al Ross House. Ni babilis, trarigardis la novan eldonon de *Esperanto Sub la Suda Kruco*, kaj faris krucvortenigmon.

**VENONTAJ KUNVENOJ**

Nia nura restanta kunveno de la jaro estas la Zamenhof-festo! Niaj kutimaj semajnaj kunvenoj rekomenciĝos en Februaro.

Sabaton 16an de Decembro je 18:30

Zamenhof-festo, ĉe Melbourne Unitarian Peace Memorial Church, 110 Grey St, East Melbourne

**NUNAJ SEKVANTOJ** (Alklaku la nomon por iĝi plua!)

Meetup – 996 Instagram – 117

Facebook – 356 Telegram – 18 Twitter – 354

*Joanne Johns*



**AE351**

La elsendo de AE351 havis problemojn.

Unue mi erare elsendis la *word doc* kopiojn anstataŭ la *PDF* kopiojn.

Do la bildoj moviĝis ktp kaj fuŝis ĉiujn *Hotmail* adresojn.

Mi resendis kun la *pdf* kopioj kaj ŝajne ree fuŝis ĉiujn *Hotmail* adresojn?

AE351 enhavas bildojn de la 100 jara naskiĝfesto de Marcel Leereveld.

Se vi ne ricevis AE351 informu min kaj mi sendos al vi kopion.

Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au

# "Malgrava historieto pri mia vivo" (Bob Felby)

## Bona rakonto kaj bona Esperanto. Ĉapitro 5. Mi iras malsanulejen (dua ero)



Ni do aliĝis al vesperlernejo. En la klasĉambro sidis multege da homoj. La plej multaj estis junaj fraŭlinoj el germane parolantaj landoj, sed ĉeestis ankaŭ multaj skandinavoj. Multaj junulinoj el Svedujo. Mi sidis apud Armando, kiu neniam ĉesis paroli. Li distris min per anekdotoj el Hispanujo, kaj mi ĝentile aŭskultadis. Subite la instruistino interrompis nin, dirante ke ni ne rajtas paroli hispane inter ni. Armando tuj respondis, ke ni ne parolas hispane, sed la internacian lingvon, Esperanto, kaj ke estus multe pli bone, se ankaŭ ŝi ĝin lernus.

Ŝi paliĝis, kaj petis ke mi legu el la libro. Mi legis kelkajn liniojn en la angla, kaj post tio mi demandis ŝin, "kion signifas '*toys*' ?" Ŝi paŭzis iomete, antaŭ ol respondi, "*Leksaker*". Je mia granda surprizo mi trovis, ke nun mi ne nur admiras ŝin, sed eĉ ŝin respektas. La kompatindulino sciis respondi, en la sveda, al mia malfacila demando. Ne multaj instruistinoj de la angla povas tion fari. Ekde tiam mi penis bone lerni la anglan.

Ĉiutage, kiam ni manĝis nian tagmanĝon ni devis sidi en t.n. manĝejo. Tio estis iom granda ĉambro kun tablo sufiĉe granda por ĉirkaŭ 20 personoj. Unue eniris la ĉambron la flegistinestrino, poste la ĉefflegistinoj, tiam la ordinaraj flegistinoj, kaj laste ni, la plej malaltaj laŭ la socia rango angla, sed ni aliiel opiniis pri tio.

Estis eĉ tre amuze. Unue kompatinda kuireja servistino svisa priservis la flegistinestrinon, poste ĉiujn aliajn laŭ la ĵus dirita ordo. Kiam la plej sensignifa el ni, jes, vi ĝuste divenis, mi, estis preta por manĝi, tiam ekmanĝis la flegistinestrino. Sekvis ŝin la aliaj, kaj la flegistinestrino kaj la ĉefflegistinoj konversaciis digne inter si en la angla. La franco, hispanoj kaj la dano, fakte ankaŭ la ordinaraj flegistinoj silentis, ĉar ni sentis, ke ni havas nenion por diri. Parolis ja la angloj en sia propra lingvo ! Kiam la flegistinestrino estis fininta sian manĝadon, ŝi sidis silente atendante ĝis ankaŭ ni estis sataj. Sed ĉar mi tion ne komprenis, mi laborigis la svisinon, kiu alportis al mi manĝaĵon post manĝaĵo, nur ĉar tio amuzis min. Fine, kiam ankaŭ mi ne povis manĝi pli, la flegistinestrino ekstaris kaj marŝis kvazaŭ generalo de la savarmeo al la pordo. Tie ŝi restis staranta, ĉar mi, kiu sidis tuj apud la pordo, ne sciis ion ajn pri la anglaj kutimoj. Jean Pierre tuj saltis de sur sia sidejo, kaj profunde klinante sin malfermis la pordon por ŝia moŝtino. Tiam ili ĉiuj elmarŝis kiel ŝafoj post la ĉefŝafo laŭ sia ordo de graveco. La plej lasta estis mi, ĉar mi estas ankaŭ la plej modesta. Mi supozis, ke nun ni estas liberaj kelkajn minutojn antaŭ ol ni devos reiri al niaj diversaj laborlokoj, sed ne ! Jean Pierre trairis iom pli grandan ĉambron, malfermis pordon al ĉambro, en kiun marŝis la sama armeo kiel antaŭe, kaj en la fino mi, kiu fermis la pordon post ni ĉiuj. Tiam remalfermiĝis la pordo, kaj la svisino eniris digne portante pleton da teaĵoj. Mi ne sciis ke konvenas trinki teon post la tagmanĝo, sed oni vivas kaj lernas, ĉu ne ? Post tiu tago mi ne plu tagmanĝis kun la snoboj. Mi iris en la kuirejon kaj manĝis kun la laboristoj tie. Ni povis sidi ekstere sur la trotuaro manĝante, rigardante la trafikon, kiu preterglitas la malsanulejon. Multe pli bone ol manĝi kun la flegistinestrino. *Daŭrigota Bob Felby*





**3ZZZ** Al tiuj, kiuj ĉeestis Universalan Kongreson en Brazilo kaj samtempe vizitis la statuegon de Jesuo, la elsendo de la 11a de decembro



rememorigos tion pro la mencio de simila statuo en Slovakujo. Eblas ankaŭ daŭre ĝui gramatikumadon kun Marcel. informas la kunvokanto *Franciska Toubale*





## *Kulturdomo de Esperanto* Kastelo Greziljono

La sekva programo de kastelo Greziljono: gresillon.org/agendo

2018-apr-20/28: PRINTEMPaS, intensivaj kursoj kaj internaciaj KER-ekzamenoj: gresillon.org/p
2018-maj-09/13: Korusa renkonto de Interkant' kaj Vegana renkontiĝo: gresillon.org/koruso
2018-jul-09/27: Maratona Esperanto-kurso dum 18 tagoj
2018-jul-09/16: Interŝanĝoj de scioj kaj faroj kaj Esperanto-kurso: gresillon.org/s1
2018-jul-16/21: Turisma semajno kaj Esperanto-kurso: gresillon.org/s2
2018-jul-21/27: Internacia E-Konferenco de OSIEK « Esperanto en Artoj »: gresillon.org/s3
2018-aŭg-11/19: Festa Semajno por infanoj kaj familioj, gresillon.org/s4

Kara samideanino, kara samideano

Ekde sesdek kvin jaroj, nia franca Esperanto-Kulturdomo posedas kastelon Grésillon por progresigi Esperanton per kursoj kaj aliaj esperantlingvaj renkontoj. Por konservi la ejon kaj adapti ĝin al la postuloj de nia epoko, necesas bontenaj laboroj : pluraj jam efektiviĝis, pluraj estas planataj. La Kulturdomo Greziljono nuntempe povas aŭtonome certigi parton de tiuj konstruejoj, sed povas malfacile lanĉi ĉiujn necesajn laborojn.

Inter la prioritatoj, ni devas al rulseĝaj personoj kun moveco reduktita (PMR) oferti unu aŭ du adaptitajn dormĉambrojn kaj lavejojn. Tiel nin devigas la leĝoj, sed ankaŭ nia zorgo digne akcepti ĉiujn niajn gastojn sen diskriminacio. Pluraj ebloj estas konsiderataj kaj la elektita projekto estos realigata tuj kiam ni havos la necesajn financojn. La leĝa limdato de la laŭnormigo estas la 31a de decembro 2018.

Por akceli la aferojn, ni lanĉas ĉi tiun **alvokon al donacoj.** Se vi rekonas la gravecon realigi plej rapide tiujn laborojn, kaj se vi pretas subteni nin,

bonvolu sendi vian donacon al: Maison Culturelle de l'Espéranto, Château de Grésillon, St Martin d'Arcé, 49150 Baugé-en-Anjou, France

aŭ per iu el la pagomanieroj menciitaj en nia retejo, precizigante kiel pagocelon "donaco PMR".

Vi povas ankaŭ subteni, akirante societajn partojn B (laŭ la statutoj) kaj partoprenante en niaj agadoj, inkluzive en la laboroj de la volontulaj teamoj.
Pli da informoj, i.a. la teĥnika dosiero kaj la kostokalkulo, estos afiŝataj poste. Ne hezitu nin kontakti per retpoŝto al kastelo@gresillon.org. Kia ajn estas la helpo, kiun vi alportos, la Esperanto-Kulturdomo dankas vin varme. gresillon.org/donaco